Mutig vorwärts! ‚ **Aŭstria Esperantisto** ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

9a jaro. N-o 4 Monata Aprilo 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).
Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.
Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).
Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.
Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Tagung des Oesterr. Esperanto-Bundes in Linz

am 15. und 16. Mai (Pfingsten), verbunden mit Jahres-Hauptversammlung.
Hierzu sind alle Esperantisten und Anhänger der unpolitischen Esperanto-Bewegung herzlichst eingeladen.

Programm:

15. V. 1932. 9—12 h Spaziergang in Gruppen über den Freienberg mit wundervoller Fernsicht in das Donautal. Treffpunkt: Gasthof Stadtgut, Volksgartenstraße.
12—13 h gemeinsames Mittagessen.
ab 13 h Generalversammlung, Gasthof Stadtgut.

Tagesordnung:

1. Begrüßungsworte.
2. Verlesung des vorjährigen Protokolls.
3. Wahl zweier Revisoren, Revision der Vollmachten der Delegierten.
4. Tätigkeitsbericht des Vorstandes.
5. Kassabericht und Revision.
6. Arbeitsprogramm für 1932/33.
7. Anträge.
8. Festsetzung d. nächstjähr. Tagungsortes
9. Berichte der Ortsgruppen-Vertreter.
10. Ehrung verdienstvoller Esperantisten durch Ernennung zu Ehren-Mitgliedern.
11. Diverses.
12. Referate.

Anschließend gemütliches Beisammensein.

16. V. Montag. Ausflüge zu Fuß oder mit Auto.

Oesterr. Esperanto-Bund: K. Wannek, Präs.; R. Ulbrich, Geschäftsführer.

---

Frankreich: Der Kongreß der franz. sozialistischen Studenten (5.—8. April 1931) in Straßburg hat beschlossen, für die Verbreitung des Esperanto in der sozialistischen Studentenschaft einzutreten, die Errichtung eines Esp.-Komitees in der Föderation der sozial. Studenten zu veranlassen, monatlich eine Seite der Zeitschrift „L'Etudiant Socialiste“ für die Propaganda und die Anwendung des E. zur Verfügung zu stellen und innerhalb der Gruppen E.-Kurse zu veranstalten. Es wurde der Wunsch ausgesprochen, daß die Internationale der sozialistischen Studenten ein Mitteilungsblatt in Esperanto herausgebe und daß nach einer gewissen Zeit Esperanto als ihre offizielle Sprache anerkannt werde.

Die **Sovjet Esperanto-Union** in Moskau beabsichtigt unter Mitarbeit von Esperantisten aus aller Welt die Herausgabe eines großzügigen Esperanto-Wörterbuches für alle technischen Ausdrücke, die sich auf Luftschiffahrt, Schiffahrtskunde und Geologie beziehen. Das Werk soll mehr als 1000 Seiten umfassen und in 50.000 Exemplaren einstweilig zur Ausgabe gelangen. Geldliche Förderung durch die Sowjetregierung ist zugesagt.

Die **Telephonverwaltung im Haag**, Niederlande, hat bei der Neueinführung automatischer Telephone die Instruktionen für deren Handhabung in niederländ., deutscher, französischer, englischer Sprache und in Esperanto anbringen lassen.

In der Sowjetukraine bereist das **erste alkoholgegnerische Theater** das ganze Land und gibt mit großem Erfolge alkoholgegnerische Vorstellungen. Der Direktor Kolnitschenko beabsichtigt nun, in der Ukraine das **erste internationale Esperanto-Theater** zu organisieren, das dann auch andere Länder besuchen soll.

## Telegramo.

**Pastro Cseh alvenis en Wien la 5. IV.; parolado „Ĉu Esperanto povas servi al la pacmovado?“ en Pacsocieto katol. aŭstriaj 6. IV.; bone vizitaj provlecionoj; 7. IV. Radio-interparolado kun Walter Smital; 10. IV. Diservo kun prediko; akcepto ĉe eminentuloj; 12. IV. parolado en Leo-Societo; 13. IV. forveturo. Detaloj en venonta numero. Ge-Morariu gvidos la kursojn.**

## XXIV. Univ. Kongreso de E.

**Paris, 30. julio—6. aŭgusto 1932.**

Adreso: La Maison de France, 101 Ave. des Champs Elysées, Paris VIII.

Kotizo: 125 fr. fr., post 1. julio 200 fr. fr. **Aliĝu tuj!**

**Laŭ peto de Aŭstria E-Asocio** ŝipkompanio „Erste Donau-Dampfschiffahrtsgesellschaft“ donas al la kongresanoj sur la linio Passau—Mohacs 25 % rabaton; krome sur la linio Wien—Giurgiu kontraŭ pago de normala prezo por la valen-veturado, senpagan reveturadon, ĉion en la tempo inter 20. VII.—15. VIII. 1932 kontraŭ montro de la kongreskarto.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Novaj membroj:**
**Internacia Kuratora Komitato:**
**Papua Insuloj:**

**D-ro F. J. Williams,** ŝtata kuracisto, Samarai.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50)**

419. D-ro F. J. Williams, kuracisto, Samarai, Papua Ins.; 420. Schauhuber Alfred, Wien.

**Materialo ricevita:**

18. Danziger Verk.-Zentrale, Danzig; 19. Svento Draugija Kazimiero, Kaunas, Litovujo; 20. Mnemonika Instituto, Vilno, Polujo; 21. Artur Scholz, Zahn i. Schl.; 22. direkt. Kreuz, Genève; 23. Centrale E-Propaganda Commissie, Nijmegen, Ned.; 24. Heroldo, Köln; 25. Mustafa Raden, Kairo, Egipt.; 26. S. Pragano, Arnhem, Ned.; 27. Aerologia Observatorio, Tateno, Jap.; 28. LKK de E-Klubo, Slav. Brod, SHS; 29. F. J. Gueritte, Surbiton, Brit., 30. Léon Agourtine, Paris; 31. E-Instituto de Estonio, Tallinn; 32. Marie Baroch, Sleszka Ostrava, ĈSR; 33. M. Duŝanskis, Kaunas, Litov.; 34. Rivista Italiana di Esp., Udine; 35. N. N., Ĥarkow, Ukrainio; 36. k. 53. H. Sentis, Grenoble, Franc.; 37. La Kamarado, Stockholm; 38. D-ro L. Dreher, Krakow; 39. E-Asocio de Estonio, Tallinn; 40. Prof. E. de Wahl, Tallinn; 41. Inĝ. W. Waher, Tallinn; 42. J. Rosenberg, Tallinn; 43. s-ino Janitzki Kaunas; 44. C. Walter, Berlin; 45. H. Steiner; 46. Gerda Spiess, Danzig; 47. Prelato A. Dombrowski, Kaunas; 48. D-ro Leono Zamenhof; 49. Kovna Soc. Esp., Kaunas; 50. Edgaro Grots, Riga, Latvujo; 51. Paul Nylen, Stockholm; 53. F. Hiller, Lodz, Polujo; 54. Louise Blicher, Kobenhavn; 55. Ebba Hohnström, Enköping, Sved.

## Regularo

pri la Honora Medalo de ICK, kreita en novembro 1929.

1. Por distingo estas kreita „Honora Medalo de ICK“.
2. Distingo per la medalo estas limigita je esceptaj kazoj de vere elstara servado al la Esperanto-Movado.
3. Povas ĝin ricevi personoj aŭ institucioj esperantistaj aŭ neesperantistaj.
4. Proponoj por ĝia transdono povas esti farataj de ICK-anoj, de la Naciaj Societoj Esp. (membroj de la oficiala organizo) aŭ de unu el la oficialaj institucioj de la Esperanto-Movado laŭ la Kontrakto de Helsinki (§ 4). La proponoj devas esti sendataj al la oficejo de ICK.
5. La aljuĝon de la medalo al la proponito(j) decidas la ICK-anoj per voĉdono kun simpla plimulto.
6. La kostojn por la fabrikado, ekspedado ktp. de la medalo(j) portas tiu institucio, kiu prezentas la kandidato(j)n.

## Gramofon-diskoj kun la voĉo de d-ro Zamenhof.

**Eldona Servo de la Kataluna Esperantista Federacio** en Barcelona, Carrer Valencia 245 fabrikigis — por savi al la esperantistaro la karan voĉon de nia majstro — kun grandaj malfacilaĵoj kaj kostoj la diskon de malnova fotografa cilindro.

50 diskojn ili farigis kaj ankaŭ ĉi tiu kvanto ne estas ĝis nun vendata. ICK nun petas, ke la s-anoj helpu per aĉetado de la restintaj diskoj. La prezo po 10 Pesetoj kun afranko — kaj enpakokostoj estas laŭ la nuna kurzo de la hispana mono tre malalta, tiel ke ĉiu esperantisto povus aĉeti ĝin. Do helpu!

**Oesterr. Kongressbüro de Osterr. Bundesbahnen likvidiĝis.** Anstataŭos ĝin de nun

**Wiener Kongressbüro,**

kiu interkonsente kun Fremdenverkehrskommission (Fremdulfrekvent - komisiono), Oesterr. Verkehrsbüro (Trafikoficejo) kaj Korporacio de Wien-aj Hotelistoj prizorgos ĉiujn aferojn de preparo, programigo kaj efektivigo de la faka parto de estontaj kongresoj.

Diskonigu tion en via konatularo, ankaŭ alilanda kaj instigu ĝin al eluzado de la servoj de la nomita oficejo. Adreso: Wiener Kongress-Büro, Wien, VII. Messeplatz I.

## La itala faŝista organizacio „Post Laboro“ kaj Esperanto.

En multaj italaj urboj la kursoj de E. okazas en la ejoj de faŝista „Post Laboro“ aŭ la loka E.-grupo stariĝis eĉ kiel fako de faŝista „Post laboro“ (itale: Dopo Lavoro). Pro ĉi tiuj rilatoj de la nomita organizacio kun E. alilandajn s-anojn certe interesos, kio estas Itala Faŝista „Post Laboro“.

Ĝi estas fako de Itala Faŝista Partio kaj ekzistas en ĉiuj urboj kaj iom gravaj vilaĝoj. Ĝia aktiveco estas diversmaniera kaj etendiĝas en tre diversaj kampoj. Ekzemple ĝi interesiĝas pri kulturo kaj organizas kursojn de fremdaj lingvoj, diverstemajn kulturajn paroladojn, teatraĵojn, aranĝojn pri sporto, ekskursoj, festoj, vojaĝoj ktp.

Post Laboro havas sian membraron precipe inter laboristaj kamparanoj, oficistoj (registaraj, komunumaj, privataj) kaj ankaŭ grandaj komercaj aŭ industriaj firmoj havas sian propran Post Laboro-n.

Post Laboro celas per malkara kotizo doni al siaj membroj de kiu ajn socia klaso, post la deviga laboro, sanajn, moralajn, utilajn okupojn kaj distradojn. La fakto, ke ĉe tiu ĉi organizaĵo, unu el la plej fruktodonaj de itala faŝismo, Esperanto ĉiam pli kaj pli disvastiĝis, montras, ke entute la internacia helpa lingvo ankaŭ en Italujo marŝas senĉese antaŭen!

G. Facchi.

### Ŝipo „L'Espero“.

La registaro de Papua-Insuloj (Aŭstralio) donis al la ŝtata kuracisto d-ro Fred J. Williams en Samarai, Papua-Insuloj, la permeson, nomi la novan ŝalupon, kiun li uzas por sia laboro kiel registara kuracisto, l'Espero. (Speciala raporto.)

### Homo kaj laboro.

De Adolf Ungar, esp.-igita de A. Taussig.

De l' unua martelago,
Hele iĝis homa tago!
Ŝtono krevis, ŝton' disiĝis,
El laboro kant' fariĝis!
Martelmanoj ekkavigis,
El kaverno, dom' fariĝis.
Ripoztempon sekvis gloro;
Venis danco post laboro.
Labor' murdis malbenvibron,
Cerb' kaj manoj kreis libron!
De l' unua martelago,
Hele iĝis homa tago!

---

## Per lernejo kaj per instruistaro Esperanto venkos.

De Karl Kröber, prez. de Saksa Asocio de la Esperantistaj Geinstruistoj.

En la postmilita tempo la internacia kunlaborado urĝiĝis ne nur en ekonomiaj kaj politikaj sed ankaŭ en sciencaj rondoj. Tiel la pedagogoj kuniĝis en „Internacia Unuiĝo de la Instruistasocioj“, en „Internacia porkleriga Laboristaro“, en „Internacia Profesia Sekretariejo de la Instruistaro“, en „Internacia Laborrondo por Nova Edukado“ kaj fine en la „Mondunuiĝo de la Edukistaj Asocioj“ (Ameriko). Internaciaj kongresoj de fakuloj estis necesaj kaj kun ili internacia interkompreniĝado. Kiajn spertojn oni faris, uzante dum tiuj internaciaj konferencoj iun ajn nacian lingvon kaj al kiu postulo oni venis, tion pruvu kelkaj notoj el la raportoj pri jenaj fakkongresoj. La raportanto en la „Leipziger Lehrerzeitung“ raportas pri la internacia pedagogia kongreso de la Amerika Edukista Asocio en Genève 1929, ke la interkompreniĝado per la angla kaj la franca lingvoj same kiel per la germana estis tiom fiaska, kaj ke finfine li postulis: „Ĉiu parolu en sia gepatra lingvo aŭ en Esperanto, sekvu nur unu traduko, E.-en aŭ en tiun lingvon, kiun la plimulto decidas“.

La 1200 partoprenintoj de la Internacia Laborrondo por Nova Edukado en Locarno 1927 bedaŭris, ke ili ne sufiĉe povis kompreni unu la alian. Oni decidis, dum la posta kongreso traduki la prelegojn E.-en. Jen la spertoj, kiujn oni faris dum la internacia kongreso en Praha 1927, kiun aranĝis la Internacia Eduka Oficejo kaj dum kiu oni uzis E.-on laŭ la temo: „Al paco per la lernejo“. La plej impresplena travivaĵo estis la uzado de Esperanto kiel konferenclingvo. Estis mirinde, kiom facile la partoprenintoj el 16 nacioj interkompreniĝadis ankaŭ dum la diskutoj. Menciinde estas ankoraŭ la jena: La Germana Geinstruista Asocio, al kiu apartenas pli ol 150.000 germanaj geinstruistoj, akceptis dum sia ĉefkunveno en Dresden 1929 rezolucion, „subteni ĉiujn klopodojn en lernejo kaj instruistaro, kiuj celas disvastigon de la mondhelplingvo“.

Sed ne nur la instruistaj organizacioj sed ankaŭ ĉiu sola instruisto havas per E. profiton por si mem kaj por la lerneja infano. Ekzemple lastsomere germanaj infanoj travivis per E. la libertempojn en Danlando, kaj samtempe la infanoj de la samaj Danaj familioj

estis gastoj de la germanaj familioj, konatiĝis kun fremda lando kaj popolo, amikiĝis de familio al familio kaj eĉ ekestis la deziro pri ripeto de tiu interŝanĝo. En tio estas la solvo de la propaganda problemo! La infanon oni starigu en la mezon de niaj varbaj klopodoj! La junularon oni kaptu per praktika aplikado de E. en la citita senco. Kaj por tiu grava laboro ĉie kaj ĉiam ni bezonas la instruistaron. Ni scias, ke la instruistaro ĝis nun multnombre servas al nia movado kaj en la nuna kriza tempo ili ofte oferas multon tie, kie pro la krizaj dekretoj E.-instruado ne plu estas pagata. En 1021 lernejoj 6737 ge-instruistoj el 60 landoj laboras por E, kiel la plej nova statistiko de la International Auxiliary Language Association-New-York sciigas. Respektinda nombro! Sed ne sufiĉas, se ĉiu instruisto laboras por si mem kaj en sia lernejo kaj ĝojas pri la taŭgeco de E. Li ankaŭ havas la devon, subteni kaj fortigi la fakan organizacion de la geinstruistoj Esperantistaj. Ne estas sufiĉe konate inter la samideanaro, ke laboras diligente kaj forte Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esp., kiu per sia fakorgano „Internacia Pedagogia Revuo“ havas valoran interligilon inter la instruistaro el 42 landoj. Por pli ol 6000 E.-geinstruistoj tiu „plej bona fakgazeto“, kiu aperas en la eldonejo de nia „Heroldo“, IPR volas esti la internacia instruista gazeto, kiu nun jam la dekan jaron aperas. Ĝia enhavo alportas iom por ĉiu instruisto:

Pri scienca pedagogio, pri kongresoj kaj laboroj de la internaciajinstruistaj asocioj, pri lernejo kaj instruistaro en diversaj landoj, recenzojn pri pedagogiaj kaj E.-verkoj, pri E. en la la lernejo kaj inter la instruistaro, korespondservon por instruistoj kaj lernantoj. Riĉa enhavo!

TAGE nur havas 850 membrojn, malmulte pripensante la grandnombron da instruistoj esp.-istaj. S-anoj instigu la s-anojn instruistojn, ke ili aniĝu kaj trovas la vojon al la fakorganizo!

Ni tiam povos helpi, ke laŭ la modelo en Germanujo kaj Svedujo la E.-kolegoj fondu specialan E.-sekcion en la granda landa profesia instruista asocio. Jarkotizo 1 dolaron. Mendu provnumeron!

Fina venko de Esp. per la lernejo kaj instruistaro! Admin.: Kurt Hofmann, Felgenhauerstraße 63, Riesa, Germanujo.

## Mia varbvojaĝo por Aŭstrio.

Mi ricevis aron da gratulleteroj el la aŭstria samideanaro. Koran dankon. Sed speciale mi deziras publikigi leteron de nia pioniro ŝtabĉefkuracisto en pensio d-ro Dietl, membro de Int. Kuratora Komitato de IEMW, 84 jara kaj de AEA.

Baden, 6. IV. 32.

Altŝatata s-ro reg. konsilanto!
Kara samideano!

Mi devas skribi al vi! Via raporto ravigis min! La brila sukceso de via vojaĝo, la bono, kiun vi jam faris al nia Esperanto, la elkora akcepto, kiun vi trovis en la diversaj landoj, entuziasmigis min kun mia ideala sentemo tiel, ke mi nepre devas tion esprimi.

Mi tial sendas al vi la plej koran gratulon kaj mian personan dankon por ĉi tiu ago! Espereble ĝi grandstile helpos, ke Esperanto enpenetros la grandan publikon. Mi volonte ĝisvivus, ke nia kara Esperanto venkos sur la tuta linio t. e. ke ĝi fariĝos ĝenerala mondlingvo. Kun koraj salutoj sindone

D-ro Dietl.

Linz, 7. aprilo 1932.

Tre estimata sinjoro honorprezidanto,

Kun plej granda intereso ni aŭdis de via varbvojaĝo por Aŭstrio kaj Esperanto kaj jus ni legis vian unuan raporton. Ni ĝojas pri viaj sukcesoj en intereso de nia movado kaj esprimas al vi per tio en nomo de Aŭstria Esperanto-Asocio nian koran dankon por viaj penadoj.

Aŭstria Esperanto-Asocio kaj ĝia suborganizo, la Laborkomitato de Vienaj Esperanto-Societoj seninterrompe kaj senlace laboras, por ree progresigi la aŭstrian movadon, kiu en la jaroj depost la milito ĝis 1930 suferis. Tiuokaze ni petas vin en intereso de la tuta movado subteni niajn klopodojn ĉiutempe.

Akceptu, tre estimata sinjoro honorprezidanto, la esprimon de nia refoja danko kaj altestimo. Por AEA: K. Wannek, R. Ulbrich.

### 1. Daŭrigo.

30. I. La tutan antaŭtagmezon mi faris raporton al ICK, poste mi faris viziton al la latva ambasadorejo por ricevi dokumenton por senpaga importo de miaj filmoj ktp., kiun mi tuj ricevis. Dumvoje salutis min sinjoro. Kvankam la sinjoro ŝajnis al mi konata, mi ne tuj rememoris de kie: sed la sinjoro alparolis min kaj demandis ĉu mi jam ricevis en la hotelo mian senpagan

fervojbileton por la unua klaso kaj nun mi rekonis la ministron por komunikadoj, kun kiu mi tiam dankante pro la afabla alsendo de la bileto parolis dum kelka tempo.

Mi devas ĉi tie mencii, ke nia ŝatata pioniro prelato Dombrowski fariĝis dum mia restado en Kaunas la duan fojon Honora Doktoro de la Universitato Kaunas (en la fakoj de filozofio kaj matematiko). Mi ĉi tie nome de la tutmonda samideanaro kaj kiel Speciala Sendito de ICK deziras publike elkore gratuli nian senlacan pioniron, kion mi jam faris por mia persono. — 31. I. Antaŭtagmeze dum 5 horoj mi verkis la Radioparoladon kun la traduko en la litovan lingvon, kiun faris Kazlauskas, Duŝinski kaj la nevo de prelato Dombrowski, univ. stud. Dombrauskas. Poste vizito en la biblioteko de la grupo ĉe sekretario Agluis, univ. stud. 61 belajn librojn mi elektis por la muzeo kaj ricevis ilin donace. Mi dankas la donacintan klubon nome de IEMW elkore! Posttagmeze kunvenis la membroj de Litova E.-Asocio, Kowna Societo Esp. kaj Stud. E.-Korp „Verda Stelo“ kaj mi parolis tie pri la tutmonda E.-Movado, IEMW kaj la aŭstria E.-movado. Dum du horoj estis priparolataj la entreprenotaj paŝoj por vigligo de la tiea movado. Poste mi estis kun kelkaj aliaj s-anoj gastoj ĉe s-ano Lubicius je teo. — Je la vespero mi parolis la unuan fojon dumvoje el la Radio-stacio en Kaunas en formo de intervjuo: Intervjuanto Kazlauskas, tradukanto Agluis, kiu ankaŭ estis tradukinta mian lumbildparoladon en la litovan lingvon. Je la fino de mia intervjuo mi disaŭdigis aŭstrian muzikon.

La 1. de februaro mi forlasis ĉi tiun afablan urbon kun ĝiaj vere bonaj s-anoj kaj afablaj eminentuloj. Sed antaŭe mi volas ankoraŭ iom diri pri Kaunas, la nuna ĉefurbo de Litovujo, kiu, laŭ la historiisto Narbutus fondita 1030, multe suferis dum la jarcentoj. Ĝi fariĝis en 1918, kiam Litovujo ricevis sian sendependecon, provizora ĉefurbo, ĉar la Litovoj nomas Wilno sian ĉefurbon. 1923 la loĝantoj nombris 80.000, nun pli ol 120.000, el kio oni povas vidi, kiom la registaro klopodas en la rekonstruo de sia lando. Multo estas konstruata kaj sammulto estis farata en la lastaj jaroj. Je interesaj konstruaĵoj estu menciataj: Ruino de la kastelo Kaunas, kiu estiĝis en la tempo de la militiroj kontraŭ la germana kavalira ordeno; Perkunas-domo en gotika stilo el la 15. jc. Laŭ la legendo ĝi servis kiel idolana templo, tial la nomo „Perkunas“, litova dio en antikvaj tempoj. La urbdomo en bela baroko el 16. jc. La plej granda preĝejo de Litovujo „Basiliko“ el la 15. jc., ĉar nur tiam la litovoj fariĝis kristoj: bela Jezuita-preĝejo ktp. — Aro da novaj konstruaĵoj inter ili Banko de Litovujo, Nova Universitato kaj Ministerio por Justeco. — Interesan historieton mi ankoraŭ volas mencii: La rektoro de la universitato Ĉepinski rakontis al mi por li neforgeseblan jenan fakton: „Antaŭ la milito mi estis en Wien je mia travojaĝo el la sudo, kien mi faris mian ferian vojaĝon. En Wien mi malsaniĝis kaj en mia gastejo oni diris al mi, ke mi tuj vizitu faman profesoron Eiselsberg, kiu zorge esploris mian malsanon kaj diris, ke mi devas tuj esti operaciata. Mi respondis, ke mi estas simpla popolinstruisto en Rusujo kaj ne havas ĉe mi sufiĉan monon, por pagi la operacion. Sed la profesoro respondis: „Unue necesas, ke mi operaciu vin kaj pagi vi povas, kiam vi havos la eblecon tion fari“. „Neniam en mia vivo“, diris la rektoro, „mi forgesos tion kaj pro tio mi ankaŭ amas vian urbon kaj vian popolon“.

Mia adiaŭo de prelato Dombrowski, mia vere bonkora gastiginto, estis vere kortuŝa. Ni kisis nin reciproke kaj certe ni ambaŭ ĉiam kun granda plezuro rememoros la belajn tagojn en Kaunas, kiuj kaŭzis tiom da laboro sed ankaŭ sekvigis multan ĝojon kaj kontentiĝon! Danki mi devas multege al la aŭstria konsulo, kiu vere multe helpis min kaj la E.-movadon kaj al

ĉiuj s-anoj, kiuj tiom kunlaboris: Dombrowski, Kazlauskas, Duŝanski, Butkus, Janicki, Agluis ktp.

Post dekhora veturado mi alvenis la 1. de februaro en Riga, ĉefurbo de Latvujo, kun 400.000 loĝantoj. Akceptite en la stacidomo de aro da s-anoj, kiuj min kondukis en proksiman hotelon, mi tuj post ioma refreŝiĝo iris kun s-ano Krauze, la eldonanto de Latva Ŝlosilo, al la kurso, kiun s-ano Julio Baghy gvidis kun ega sukceso. Post salutvortoj de Baghy mi alparolis la lernantojn, kiuj lernis unu monaton, kaj ili diris, ke ili bone komprenis min. 80 partoprenantoj.

La 2. II. en societo de s-ano instruisto Talivaldo Indra, ĉefdelegito de UEA, mi faris viziton al s-ro I. Vigrabs, anstataŭanto de la ĉefo de la gazetara servo en Ministerio de Ekstero, kiu afable min helpis. Unue mi atingis pere de li, ke mi ricevis la permeson, paroli el Radio-stacio Riga, poste li tuj interrilatiĝis kun Ministerioj de Instruado kaj Interno, por ke mi ricevu la permeson, paroli publike, kio nun estas malpermesate pro la krizo en Latvujo. Krome s-ro Vigrabs aranĝis mian akcepton ĉe la Ministro por Instruado. Posttagmeze vizito kaj parolado en Urba Elementa Lernejo kun lumbildoj kaj muziko antaŭ 250 gelernantoj kaj geinstruistoj. Vespere lumbildparolado en la E.-grupo antaŭ pli ol 100 personoj. Fine parolado pri la E.-movado en Aŭstrio.

La 3. II. vizitoj al la gazetoj „Rigasche Rundschau“, „Jaunakas Sinas“ kaj al rusa gazeto, kies nomon mi forgesis. Post denova vizito en la ministerio por Ekstero, okazis vizito al Ministro de Trafiko A. Kursits, kiu akceptis la inviton en Internacian Honoran Komitaton de IEMW. Mi sukcesis interesigi la ministron pri E. ĉe fervojoj kaj ĉe la poŝto; supozeble ni baldaŭ vidos ĉi tie bonajn sukcesojn. — Posttagmeze parolado kun lumbildoj en rusa mezlernejo antaŭ 180 geinstruistoj kaj gelernantoj. Sekvis je la 16 h intervjuo antaŭ la mikrofono. Intervjuis s-ano Indra en Esperanto, la anoncantino de Radio-Riga f-ino Birkmanis ripetis en latva lingvo, mi respondis en Esp. kaj la f-ino ripetis ankaŭ miajn vortojn en latva lingvo. Fine mi ludigis aŭstrian muzikon. — Poste mi estis gasto ĉe s-ano Edgaro Grots, LK. — La edzino de mia gastiganto bonege parolis E-on, sed ege interese estis mia interparolado kun la 3½ jara fileto Ilĉjo, kiu flue parolis nian lingvon, tiel ke multaj plenkreskintoj povus envii lin. Fine mi elektis el la biblioteko de s-ano Grots pli ol 150 librojn por la biblioteko de IEMW, inter ili multajn tre valorajn el la unuaj tempoj de nia movado. Elkoran dankon!

La 4. II, s-ino A. Rudzits, la estrino de la oficejo por emigrado kaj turismo en la Ministerio por Interno, akceptis nin kaj tre interesite aŭskultis mian raporton pri eldono de E-prospektoj en la diversaj landoj. Ŝi nun ankaŭ intencas proponi tiajn prospektojn por Latvujo. — La Ministro por Instruado, s-ro A. Keniuŝ, akceptis nin — s-ano Indra estis mia konstanta akompananto — en la parlamentejo en paŭzo de la budĝeta debato de la parlamento, aŭskultis mian raporton pri enkonduko de Esperanto en diverslandajn lernejojn kun granda intereso kaj ankaŭ akceptis mian inviton en Internacian Honoran Komitaton de IEMW. — Sekvis vizitoj al la aŭstria konsulo Skreiner kaj al la prezidanto de la germana frakcio en la latva parlamento kaj ĉefredaktoro de „Rigasche Rundschau“, s-ro d-ro Paul Schiemann. — Posttagmeze lumbildparolado en III. knabina gimnazio, kiun s-anino Juŝen tradukis. Post fino f-ino Nargrieta Zarina, la prezidantino de la turista rondeto de la gimnazio enmanigis al mi bukedon da floroj kun dankaj vortoj pri la belega prezentado. Mi neniam forgesos ĉi tiun belan momenton. Ĉeestis 130 personoj. — Vespere publika filmparolado kun pli ol 100 personoj.

La 5. II. mi faris viziton al la komandanto de la prezidanta kastelo, regimentestro Kallus, kiu min akceptis anstataŭ la prezidanto; faris raporton al li pri la E-movado kaj mia vojaĝo kiel Speciala Sendito de ICK kaj transdonis E-materialon; fine mi je invito de la komandanto enskribis mian nomon en la vizitlibron de la ŝtatprezidanto. Sekvis vizito al la estona ambasadoro. kiu donis al mi rekomendleteron por la limimpostejo. — Posttagmeze mi estis gasto ĉe s-ano Indra, kiu donacis al la muzeo pli ol 150 tre valorajn librojn. Elkoran dankon por ĉi tiu donaco kaj la granda sinofero dum la tuta tempo de mia restado en Riga. La saman vesperon mi forveturis al Estonio.

Latvujo kun 2 milionoj da enloĝantoj, inter kiuj 76% latvoj, kiuj estis ekloĝintaj ĉi tie en la dua jc. Ili ne estas slavoj, sed apartenas kiel la litovoj al aparta branĉo de la indoeŭropa popolfamilio. La lando estis sub la regado de la poloj, svedoj, rusoj ĝis kiam ĝi atingis sian memstarecon post la mondmilito en 1918. Multe estis farata post la milito, tion oni vidas ĉiuloke.

La ĉefurbo Riga kun 400.000 loĝantoj estas ankaŭ grava komerca- kaj havenloko. Ĝi prezentas kiel antikva urbo aron da vidindaĵoj. La malnovurbo kun nur kelkaj restaĵoj de la iama fortifikaĵo (Pulvoturo el 1650, en kiu nun estas la Militmuzeo; antikva urbopordego „Svedopordego"; preĝejo de St. Petri en gotika, renesanca kaj baroka stiloj kun 134 m alta turo el 1743, kiu estas la plej alta el ligno konstruita turo en Eŭropo: Katedralo de St. Mario el 1226; Jakobipreĝejo, la romkatolika katedralo; Riga-a Kastelo, kies plej antikvaj partoj estas el 1515, sidejo de la Ŝtatprezidanto; la plej bela kaj valora konstruaĵo de malnov-riga-a konstruarto la fama „Schwarzhäupterdomo" el la 13. jc., kiu estas propraĵo de tre nobla unuiĝo de needziĝintaj patricioj, devenanta el Hansa-epoko ktp.) Aro da novaj konstruaĵoj beligas la urboaspekton: Parlamentejo, Borsejo, Nacia Operejo, Universitatejo, Ministeriejo por Ekstero, Germana teatro ktp.

Apenaŭ alia ĉefurbo eŭropa havas kiel Riga antaŭ siaj pordoj tiel belan pecon da tero. En duonhora fervojveturo oni atingas la Riga-an bordon, kie oni povas ĝui mallacigon aŭ amuzon ĉiuspecan en vere moderna banejo.

Matene de la 6. II. mi alvenis en Pärnu, Estonio, kie mi estis gasto de s-ano gimn. prof. Ewald Mälson. Akompanate de f-ino A. Aak mi vizitis urbestron Kask, direktoron de la knaba gimnazio, Oskar Mälk, direktoron de popoluniversitato Gustav Mälk kaj policestron Krims. Vespere lumbildparolado en germana lingvo en Popoluniversitato antaŭ 200 personoj. Poste mi parolis en la E-grupo, kiu tre vigle laboras. — Pärnu estas fama marbanejo kun bela bordo. Specialan dankon al mia gastiganto, samtempe prez. de la grupo, kaj al f-ino Aak.

La 7. II. je la 6 h mi forlasis la ĉarman urbeton, akompanate de s-ino Pent, f-ino Aak kaj prez. Mälson. Mi alvenis tagmeze en Viljandi, kie prez. de la E-grupo instr. Pung kun aro da junaj ges-anoj min akceptis. Ili montris al mi la belan lokon kaj la ĉirkaŭaĵon. Mi vidis ege interesajn ruinojn de mezepoka kastelo de la Germana kavalirordeno. En la publika parolado ĉeestis 100 personoj, poste grupo kunvenis ĉe prez. Pung, kies gasto mi estis. — Mia gastiganto akompanis min per aŭtomobilo al la 3 km malproksima stacio — mi forlasis niajn afablajn, fervorajn s-anojn kaj veturis al Tallinn, la ĉefurbo de Estonio, kie mi alvenis

la 8. II. matene. Akceptis min aro da s-anoj, inter ili f-ino Drezen, la senlaca sekretariino de E-Soieto de Estonio, s-ino Gutman, mia nutropatrino, s-ano Rosenberg, kiu ĵus eldonis novan lernolibron, k. a. — Akompanate de

la prez. de E-Societo de Estonio, inĝ. kaj lernejdirektoro Willem Waher (malnova pionioro kaj verkinto de diversaj E-libroj), mi vizitis la gazetojn „Päewälebe“, „Revalsche Zeitung“ kaj „Waba Maa“ kaj donis intervjuojn, poste la prezidanton de Estona Germana Kulturlernejadministraro en la Ministerio por Instruado, s-ron Koch.

Vespere antaŭ 120 personoj mi parolis en la supera kurso de la E.-grupo „Espero“ pri la sukcesoj de E. en Aŭstrio kaj dum la „Viva gazeto“ pri IEMW. Mi estis la unua, kiu parolis de nova katedro, ĵus havigata al la grupo dank' al la energiaj klopodoj de f-ino F. Gutmann. Nome de la Muzeo mi invitis la fervorajn s-anojn prez. Waĥer kaj Brauer, laŭ propono de la anda organizo, en la Internacian Kuratoran Komitaton.

La 9. II. akompanate de s-ano Brauer mi vizitis la aŭstrian konsulon, s-ron Holst, kaj la policdirektoron Reimann, kiu promesis enkonduki la Wien-an E.-insignon ĉe la policistaro en Estonio. Vespere mi faris publikan paroladon kun lumbildoj kaj filmoj: interpretis E. Eik: la aparatojn funkciigis s-anoj R. Gutmann kaj S. Rosenberg. Ĉeestis 100 personoj.

La 10. II. mi vizitis kun s-ro Brauer la ministron por eksterlandaj aferoj, s-ron Tonisson, la ministron por instruado, s-ron Piiskar, kaj la ministron por trafiko, s-ron Oinas, kiu promesis la enkondukon de la E.-insigno ĉe fervojoj ktp. Neniam ĝis nun laŭ miaj spertoj tiel rapide ministro plenumis sian promeson koncerne Esperanton kiel en Estonio, kie jam aperis la koncerna dekreto, kiu permesas la portadon de la E.-insigno dum deĵoro al ĉiuj ŝtataj oficistoj. Aliaj landoj imitu ministron Oinas!

Posttagmeze mi forveturis al Tapa, kie mi estis gasto de s-ano fervojisto H. Koppel. En kinoteatro mi parolis antaŭ 100 pers.; interpretisto s-ano Rikand. Poste komuna vespermanĝo, tre bela kaj intima, kie prez. Jürgenson min salutis. Finis la vespero per danco. Dankon al ĉiuj!

La 11. II. antaŭtgm. al Tartu, la fama universitata urbo, kie aro da s-anoj min atendis kaj kondukis al la loĝejo de s-ano instr. V. Raukas, kiu gastigis min. Vespere okazis prelego por la profesiaj lernejoj en la ejo de Tartua lernejo por industriaj kaj ekonomiaj gelernantoj; tradukis grup.-prez. instr. J. Jaanisto. Post la parolado belega tevespero en la granda, bela ejaro de la grupo. Parolis prez. Jaanisto kaj mi. Finis la vere bela vespero — post fotografado flanke de la lerta fotografisto s-ano instr. Raukas — per danco.

La 12. II. akompanate de univ. prof. H. Richter kaj prez. Jaanisto mi faris viziton al rektoro de la universitato J. Kopp kaj prof. de lingvoj A. Saareste, kiun lastan mi invitis en la Intern. Honoran Komitaton de IEMW kaj kiu ankaŭ akceptis. S-ano Jaanisto akompanis min ankaŭ dum la vizitoj al urbestro K. Luik, lernejkonsilanto J. Lang, al la XV. elementlernejo kaj en la redakcion de Postimes pro intervjuo. Je tagmanĝo mi estis gasto de univ. prof. Richter kaj edzino, fama skulptistino. Posttgm. en societo de instr. Raukas, mi vizitis la Ĉe-metodan kurson de prez. Jaanisto eu la knabina gimnazio de Estona Junularedukada Societo kaj parolis pri aŭstriaj lernejoj kaj Esp. — Vespere publika parolado en la ejo de la urba knabina gimnazio. Partoprenis 120 pers.; tradukis Jaanisto.

La 13. II. frumatene mi forveturis al Tallinn. Tartu (iam Dorpat) laŭ grando la tria en Estonio, 70.000 loĝ. estis fondata en 1334 de Germana Kavalirordeno, la universitato en 1632 de reĝo Gustav Adolf de Svedujo.

Dankon al ĉiuj ges-anoj kaj speciale al familio Raukas, kiu min tiel kore gastigis. Bildo, kiu montras min en la familiorondo, restos ĉiam agrabla rememoro.

Antaŭtgm. alveninte en Tallinn mi vizitis la finnan ambasadoron kaj poste kun

prez. Vaher la episkopon Jakob Kukk, kiun mi invitis en Int. Honoran Komitaton de IEMW. La episkopo akceptis. Posttgm. mi faris trihoran viziton al prof. Edgar de Wahl, la elpensinto de Occidental, kiu donacis kelkajn broŝurojn al IEMW. En tre agrabla babilado pasis tie la tempo. — Vespere „Espero“ aranĝis en sia ejaro hejman feston kun vere belega programo. 150 pers. inter ili Julio Baghy, kiu deklamis poemon, dediĉitan al Virina Literatura Rondo, kaj mi. Finis la ĉarman aranĝon danco.

La 14. II. je la 14 h 40 okazis el la Radiostacio Esperanto-intervjuo de s-ano Brauer al mi; tradukis grupo-prez. J. Türn. — Je teo mi estis kun kelkaj aliaj s-anoj gasto de s-ano d-ro Kolomojcev.

La 15. II. akompanate de s-ino F. Gutmann kaj s-ano verkisto J. Rosenfeld mi per ŝipo forlasis kun 7.30 hora malfruiĝo la belan urbon Tallinn por Helsinski.

Kelkajn vortojn pri Estonio kun ĝia 1,250.000 loĝantaro, el kiu 88 % estas estonoj, kiuj apartenantaj al la okcidenta branĉo de la Finna-Ugra familio ekloĝis ĉi tie komence de la kristana ero. Estinte sub la regado de Germana Kavalirordeno, danoj, rusoj, svedoj Estonio fariĝis sendependa respubliko nur en 1920. — Tallinn (antaŭe Reval), la ĉefurbo, kun 120.000 loĝ., estas ege interesa urbo. Konserviĝis ĉi tie ĝia mezepoka karaktero: fortaj kaj masivaj muroj, dudeko da turoj, pluraj pordegoj, eĉ parto de la remparfosaĵo ktp. — apud modernaj domoj. Mi citu kelkajn antikvajn konstruaĵojn: Impona turo „Kiek in de Kök„ (el la germana „Guck in die Küche“ aŭ „Rigardu en la kuirejon“) el 1533; la plej antikva luterana preĝejo Toomkirik el 1233; la majesta kastelo el 1219 kun la sola restinta turo „Longa Hermann“; ĉe la strandpordego la masiva turo „Dika Margareto“ el 1539; preĝejo de S-ta Olao el 1267 kun 130 m alta turo, la plej alta en Nord-Eŭropo; domo de Nigrakapuloj (1531) kaj de Olao-gildo (1341), Kanut-gildo (1329), preĝejo de S-ta Spirito (1316); urbdomo, la sola mezepoka en la Baltaj Landoj, el 1330; kontraŭe Malnova Pesejo el 16. jc.; preĝejo de S-ta Nikolao el 1316. El novaj konstruaĵoj Alexander-Newsky-Katedralo (1900) Parlamentejo (1921), Estonia-Teatro k. a.

La 15. II. je 10° malvarmo akompanate de s-ino Gutman kaj s-ano verkisto J. Rosenberg mi alveturis la ŝiphavenon. Je la 10h ŝipo Wellamo (2000 tunoj) laŭ horaro devis forlasi Tallinn por Helsinski. Sed ĝi alvenis nur la 17 h. S-ino Gutman pacience atendis ĝis la 13 h, sed poste ĝi devis hejmen veturi, ĉar Julio Baghy estis petata ŝia manĝogasto. Kun admirinda sindonemo s-ano Rosenberg restis ĝis la foriro de la ŝipo. Elkoran dankon mi devas diri al li kaj speciale al ges. Gutman, kie mi loĝis kaj manĝis kiel familiano. Mi ĉiam memoros familion Gutman. Krome estu dankata prez. Waher ksj insp. Brauer pro la akompanado kaj sekr., nia fame konata f-ino Drezen.

Sur la ŝipo mi renkontis s-anon v. Frenckell, finna konsulo en Dresden, kiu ankaŭ veturis al Helsinski. Priparolante la situacion koncerne Esp.-on en Finnlando, v. Frenckell invitis min por la sekvonta tago al lunĉo en Rotary-klubon en Helsinsi. — La vojaĝo surŝipa restos neforgesebla por mi.

Daŭrigota.

## Gravaĵoj.

**Aŭstria Ministerio por Komerco kaj Trafiko eldonis en 1932 la kvaran, belegan multkoloran ilustritan prospekton kun bela landkarto pri Aŭstrio en Esperanto. — Senpage havebla de la Ministerio.**

**Sub la kontrolo kaj sub la aŭspicioj de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Genève estas malfermita „Internacia Hejmo Esperantista“ en Aspremont (Alpes Maritimes), Francujo, kiu estas propraĵo de la Esperanto-Movado.**

**Internacia Labora Oficejo en Genève** eldonis ĵus en Esperanto sian raporton sub la titolo „Konstitucio, Agado, Rezultatoj". ILO estis starigata per la Packontraktoj ĉe la fino de la mondmilito kiel „daŭra" institucio de Ligo de Nacioj, kaj celas la plibonigon de la kondiĉoj de la laboristoj en ĉiuj landoj. — Membroj estas ĉiuj ŝtatoj escepte Afganhistano, Egiptujo, Ekvadoro, Hedjazo, Kosta-Riko, Turkujo, USSR., Usono. — La Administra Konsilantaro kontrolas ILO kaj konsistas el 24 personoj, 2 reprezentantoj de la registaroj kaj po 6 de la majstroj kaj laboristoj, 8 el la ŝtatoj kun plej granda industria graveco estas devige reprezentataj, nuntempe; Belgujo, Kanado, Francujo, Germanujo, Grand Britujo, Hindujo kaj Japanujo. — Direktoro de ILO estas Albert Thomas, franca eks-ministro; adjunkto-direktoro H. B. Butler. 400 oficistoj, per konkurso kaj laŭ iliaj teknikaj kaj lingvaj kapabloj elektitaj, estas la personaro, kiu kostas pojare kun la aliaj elspezoj 8.5 milionojn da svis. Frankoj, pagataj de la membro-ŝtatoj. — Dumonate aperas inter diversaj aliaj publikigaĵoj — en Esperanto „Bulteno de le Internacia Labor-Oficejo."

**Esperanto-valuto.**

Dum la diskuto pri la angla tronparolo Winston Churchill diris: „... Mi fidas, ke la registaro igos internacian agon kaj uzos sian tutan influon, por instigi la landojn, kiuj amasigis oron, ke ili ĝin rekonduku al ĝia funkcio kiel valormezurilon. Se tio ne estos eble, tiam mi atendas de la registaro, ke ĝi kreu specon de Esperanto-valuto sur la bazo de l' sterlingo kaj de ĉiuj amikoj de la sterlingo-valuto". — „Esperanto-valuto" estas sistemo, elpensita de universitata docento profesoro René de Saussure en Genève por internacia monkalkulo.

La **Ministerio de Publika Instruado en Sofio**, Bulgarujo, permesis al s-ro Krestanov per speciala letero n-ro 6448 de 8. III. 1932 fari antaŭ la lernantoj de ĉiuj mezlernejoj en la tuta lando paroladojn pri „Esperanto kiel faktoro de klerigo„ kun demonstracioj kaj bildoj. (Heroldo, 27. III. 32)

**Oficialaj poŝtkartoj de Liechtenstein.** En dua eldono la princlando Liechtenstein aperigis serion da oficialaj poŝtkartoj kun surskribo en Esperanto krom la germana „Postkarte" kaj priskribon de la belaj vidindaĵoj en germana kaj Esperanto-lingvoj. — Aliaj landoj jam estis interesataj je imito de tia senkosta bonega varbilo por siaj vidindaĵoj en la internacia trafiko por la fremduloj.

La **Popol-Altlernejoj en Danzig kaj Wiesbaden** havas Esp.-kursojn en la lernejjaro 1931—32.

Okaze de Goethe-rememorojaro **Verkehrsverein** (Trafik-Unuiĝo) **Weimar** eldonis bele ilustritan prospekton kun la bildo de Goethe. Mendu ĉe Verkehrsverein Weimar, Germanlando.

**Strato D-ro Zamenhof.** En Wien, Warszawa, Bialystok, Kaunas, Bratislava kaj multaj aliaj lokoj jam estas Zamenhof-stratoj. Nun ankaŭ la Barcelona Urbestraro decidis doni la nomon de D-ro Zamenhof al nova strato. (Kataluna Esperantisto.)

**Komerca ĉambro en Toulouse**, Francujo, permesis nedevigan Esp.-instruadon en la Supera Komerca Lernejo. La urbestraro permesis du kursojn en la urba kursejo de fremdaj lingvoj. (Heroldo, 27. III. 32.)

**„Frazaro por la vojaĝanto"** Esperanto kun itallingva traduko, eldonita de Itala Kompanio de Turismo. Senpage de Dopolavoro Ferroviario, Via Sacchi 25 bis, Torino, Italujo.

**Foiro de Paris** eldonis belan varbilon kaj ankaŭ la enirkartojn en Esperanto. Mendu 23 Rue N. D. des Victoires, Paris 2.

**Ĉeĥoslovaka Unio Sokola, Praha.**

La kongreso de ĉi tiu asocio uzas E.-on por sia internacia propagando. Informojn donas IX. Slet Vsesokolsky V Praze 1932, Sletova Kancelar, Tyrŝuv dum, Praha III.

**„Universitata Ligo kontraŭ la japana invado en Manĉurio"** de Kuo Min Universitato en Canton, Ĥinujo, dissendis cirkulerojn „Alvoko al la tutmondo kontraŭ la japana buĉado en Manĉurio".

**XI. Plenkunveno de Aŭstria Laborista Ligo Esp.** okazis la 27. kaj 28. III. en Steyr Novelektoj: Prez. kam. Simon, 2. kam. Jeitler, 3. kam. Mildner; sekr. kam. Haagen, Sykora; kas. kam. Rasztoczky, Stöckl, Kacimbersky; red. kam. Seidl; adm. kam. Effler; bibl. kam. Scheibenreiter; gazet. kam. Weinhengst; krome kam. Polzer, Krall, Sckwarz, Herzy, Cakl, Jonas.

**Akcia Soc. Centra E-librejo,** s'Gravenhage, disdonis por 1931 dividendon da 7 % kaj krome donacis 102.53 guldenojn al la komitato por la starigo de Zamenhofa monumento en Bialystok.

## Ŝercangulo.

Neniu estas tiel blinda ol tiu, kiu ne volas vidi. (Proverbo.)

Belaĵo estas daŭranta ĝojigo.
John Keats.

Grizaj haroj estas signo de aĝo, ne de saĝeco. (Greka proverbo.)

Estas melankolia vero, ke eĉ eminentaj homoj havas malriĉajn parencojn.
Charles Dickens.

„Ĉu vi opinias, ke Alberto estas la plej granda mensoganto?"

„Mi ne dirus tion pri li, sed li certe estas ŝparema rilate la veron."

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Linz, Weissenwolfstr. 31

Avizo. Estis intencita okazigi la nunjaran, laŭstatutan jarkunvenon en Wien. Pro la multa laboro, kaŭzita per aranĝo de la Ceh-kursoj, Laborkomitato de Vienaj Esp.-Societoj petis, ĝin okazigi en Linz. La ĝenerala kunsido de AEA do okazos en Linz, la 15.-16. de majo (Pentekosto). Vidu la specialan inviton kaj programon.

La reprezentantoj de la grupoj devas havi rajtigilojn. Voĉdonrajtaj estas nur jenaj grupoj kaj membroj, kiuj estas pagintaj sian jarkotizon al AEA. Nepagintoj do tuj pagu! La 50% rabato por tien- kaj reveturo faciligos la partoprenon.

**Gloggnitz:** S-ano ĝend. insp. Kaiper instruas skoltojn.

**Grafenbach:** S-ano instr. Stickler instruas skoltojn kaj verkas nun artikolojn por skolta gazeto.

**Innsbruck:** Fakinstr. Albert Mair faris enkondukan paroladon por la E-kursoj de Urania.

**Leoben:** La grupo aliĝis. Bonvenon.

**Lienz:** „Lienzer Nachrichten" aperigis novajojn el la movado. Dankon al nia kunlaboranto prof. F. Kirchner. Daŭrigu!

**Linz:** La partoprenantoj de la kurso de s-ro Mraz jam vizitas la grupvesperojn. Viva gazeto kaj vigla partopreno vigligas la kunvenojn. La 15. IV. prez. Wannek lumbildparolis pri „Kiel ekestas marŝipo". Lastatempe oni diskutis pri jenaj temoj: „Kial Esp. sukcesis?", „Ĉu la lingvo sola ninigas labori por ĝi?".

**St. Oswald bei Freistadt, O.-Oe:** La unua esp.-istino tie estis s-ino Elise Mörse. Nun estas kurso de 17. pers., gvid. de instr. Christine Bauer kaj ĝendarmofic. Klee.

AEA eldonis tre efikajn leterkovrilojn kun propaganda teksto. Ĉiu esperantisto nepre uzu tiujn malmultekostajn leterkovrilojn por sia korespondado kun neesperantistoj. Prezo po 50 pecoj S 1.—, po 100 p. S 1.80 afrankite. Mendu ĉe AEA. K. Wannek, prez.

### Gratulon
al gefianĉiĝo de d-ro Senio Weingast kaj Leonie Hermine Mager.

### Rimarkindaj presaĵoj

**Aperos**
en la eldonejo de **Heroldo:**
**Poŝvortaro** en 3 partoj: E-germana, germana-E kaj serĉlibreto kun indikoj pri datoj el la E-movado. Prezo 90 pf. mendota ĝis 1. de majo.

**Ekrelo, Leipzig.**
Katalogo n-ro 2 1932. Sur 16 paĝoj grandaro da malmultekostaj eldonaĵoj de Ekrelo. Mendu senpage, Leipzig N 24, Löbauerstr. 35.

K. Kalocsay:
I. **Lingvo Stilo Formo,** studoj, 143 pĝ.
II. **Streĉita kordo** poemoj, 193 paĝoj.
III. **Rimportretoj,** galerio de Esperantaj steloj **Literatura Mondo, Budapest.**

La famkonata poeto kaj verkisto Kalocsay inter la lingvistoj! Ni ĝoju kaj fidu liajn esplorojn sur tiu ĉi kampo, ĉar ni konas lian sagace racian pensmanieron.

Sed, ni petas, karaj gesamideanoj, ne metu tiun ĉi libron antaŭ la okuloj de Esp.-komencantoj! Ne estas necese, ke ĉiu bona parolanto de Esperanto estas Esperantologo.

Por ĉiu Esperantisto, kiu sentas emon al profundiĝo en la lingvon, la libro estas trezoro; speciale por instruantoj.

Couturat, Fruictier, de Saussure, Wüster, Minor k a. jam laboris pri la unua parto de tiu ĉi fako, nome vortkonstruo. Pri stilo kaj formo ni ankaŭ jam legis dise en gazetoj ktp.

Rilate la vortstrukturon Kalocsaj tre klare ĉerpas la regulojn el la uzata lingvo, ne altrudas ion laŭ sia propra gusto aŭ ambicio. Esence liaj analizoj plej kongruas al tiuj de René de Saussure, kiujn ankaŭ Wüster sekvis. Li estas kvazaŭ gramatikisto de natura lingvo. Per lia procedo li pruvus laŭ logiko tion, kion Zamenhof simple diris, ke vortkonstruo, vortderivo, vortformado aŭ kiel ajn oni volas diri, nenio alia estas ol vortkunmeto. Nur oni ne la logikecon taksu kiel matematikan aksionon, sed en lingve psikologia vasteco.

Se oni ne ĉi tie povas pli diri pri tiu ĉi plej vasta ĉapitro, (alie fariĝus leciono)

despli neeble estas priparoli la ceterajn ĉapitrojn: „La evoluo de nia poezia lingvo“ — prelego en Somera Universitato dum Oxforda Kongreso. en kiu ni tre interesan aŭdas pri nia vortprovizo, lingvouzo de Grabowski, formiĝo de niaj vortaroj ktp. —

„Sendemandaj respondoj“ — pri artikolo, *iu* kaj *ia*; tre rekomenda estas la propono pri *virinaj nomoj*; (finaĵo-a), interesaj la traktaĵoj pri prepozicioj . . . — Esperanta Rimo“ — „Esp. elparolo“ — „Esp. ritmo“ — „Klasika metriko en Esp. kaj fine lingvaĵa ŝerco: „La mezepoka Esperanto“. —

Kompreneble, la libro ne estas legaĵo sed studotaĵo.

---

En la libro **Rimportretoj** ni ree estas ĉe poeto K. 58 fotografaj bildoj; apude malgranda rimaĵo, nomita rondelo, fiksas trafe per kelkaj frapantaj trajtoj eminentajn Esp.-verkistojn kaj propagandistojn. — Se la Esperantistaro estas unu granda familio, sekve estas tiaj poesietaĵoj donaco de unu fidela amanta infano al amataj gefratoj. Vivant sequentes! — Ĉiu alia fidela infano mendu tuj la libreton por vide kaj spirite konatiĝi kun eminentaj gefratoj kaj ekĝoji pri la ĉarmaj, spirite spicaj versoj.

---

Sub titolo **Streĉita Kordo** Kalocsay eligas poemojn, el kiuj mi multajn konas. Tre volonte mi citus iujn, sed kiujn? La plej belsonajn, plej kortuŝajn, plej spiritajn, filosofajn, fortajn aŭ plej ĝemantajn? Ĉiu meritas pli elokventan langon ol la mia estas. Do kredu nur la admiron mian! — La poeto K. diras, ke li volas liberigi sin de tiu ĉi balasto, por flugi al pli alta regiono. Dank' al Dio, ke ni nun havas kiel kolekton la grajnojn, elŝutitaj el la balono dum juneca flugo. Ni povas nun ĝui laŭ gusto. — Mi ne hezitas diri, ke Baghi kaj Kalocsaj estiĝas Schiller kaj Goethe en Esperantujo. Pasis la periodo de „Sturm und Drang“, kaj komencas la klasika periodo sur Esperanta Parnaso? Ld. Siedel.

### Ekrelo-Moskva-Leipzig.

**„Skizoj pri teorio de Esperanto“** de E. Drezen. Prezo ne montrita, 84 p. 1931.

Drezen plueniras la vojon, kiun antaŭ li iris slavo Stojan kaj germano Wüster. Prave li asertas, ke la ĉefa parto de E.-gramatiko restos por longa tempo la morfologio de la lingvo. Tre supervideblaj precipe estas la tabeloj pri la ekzistantaj formoj. De la kroma enhavo plej multe interesis min sur p. '3 la laŭdo por la teoriaj E-studoj de la japana gazetaro, sur p. 21 la konsilo, aldoni al E.-lernolibroj tabelon indikantan la korespondantajn nacilingvajn sonojn, sur p. 23 la propono, enkonduki helpsonojn ä, ö, ü por transskribado de propraj nomoj, sur p. 67 la rimarko rilate la jam en E. faritajn ŝanĝojn. Kelkajn asertojn de la aŭtoro oni povus pridubi, ekz. la ekskluzivan nememstarecon de la prefikso „ge-“ (komp. „uloj geaj“ ĉe Bartelmes). Pli bona ekzemplo por uzo verba de radiko unuatempe ne uzata en tiu senco ol „sinjor'i“, kiu certe ne trovus ĉies aprobon, estus la vortoj „reĝi, pravi, gravi, necesi“. La forlason de deviga akuzativo, kiun pripensas Drezen, oni eble toleru, sed temas pri imitado de nacilingva dialekto, la uzon de simplaj vortradikoj, kiun li same priparolas, jam malpermesus plej ofte la eŭfona vidpukto. Ne konsenti mi krome povas la aserton, ke radiko edz- estas pruntita el germana „Prinzessin“, kiu siavice devenas de latinidaj formoj (france princesse, it. principessa). La ideo, ke E. povas jam superi la naciajn lingvojn kaj la ribelo kontraŭ la eldiro, ke nur kleraj homoj enkonduku novajn vortojn en la lingvon, montras la sovetan mentalecon de la aŭtoro.

La stilo de la verkinto alie estas tre klara, nur la frazon „La ekzisto de E. estas dume tiom nedaŭre, ke dume ne okazis . . ŝanĝoj inter la sonoj“ mi — ne scipovante la rusan lingvon — tute ne komprenis. Dezirinda estus la indiko de la fontoj por kelkaj citajoj. La listo de la ekzistanta literaturo estas tre zorge verkita. Mi aldonu laŭ la intenco de la aŭtoro mem, ke la libro estas tre interesa legaĵo por lingvaj fakuloj, sed kutime ne taŭgas por lernantoj.

D-ro fil. W. Biehler.

---

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gemeinschafterheim, Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna AkademiaUnuiĝo Esp. VIII., Langegasse 61 (Kafejo Lange), Mo (1) 19—23 h.

Esp.-societo „Fideleco“, Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.